# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 88ª Jaro - Nº 295 - Junio 1996



FIDUS TEMPLO DE LA MUZIKO - 1902



TEMPLO DE LA DRAKO 1897



BLANKA TEMPLO 1898

# ARKITEKTURO EN LA MONDO

BRAZILA ESPERANTISTO

*88-a Jaro - Junio 1996*
*N-ro 295 (trimonata) - Trimestral*
*Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo*
*Caixa Postal 3625*
*70084-970 Brasília, DF (Brazilo)*
*Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446*
*Internet: bel@brnet.com.br*
*Kompostado, presado, Grafika aranĝo*
*Grafica Altamisa*
*Eldonkvanto: 1500*
*Redaktantoj:S. - G. Ledon - CP 269*
*12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)*
*Telefono-Fakso: (012) 262-1983*
***La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo***

*BRAZILA REVUO ESPERANTISTA*
*Fondita en 1907*
*BRAZILA ESPERANTISTO*
*Fondita en 1908*
*de Alberto A. Vieira*
*Reynaldo Geyer*
*Everardo Backheuser*
*Pri abonprezo, anonctarifo k.c.*
*skribu al BEL*
*Pri kunlaborajoj k.c. skribu al la redaktejo*



# ENHAVO





## Kovrilpaĝo

SERIO:"Arkitekturo en la mondo"

Fantasta arkitekturo ekspresionisma (=Piktura kaj arta tendenco, celanta trudi al la prezentado de la ekstera mondo la internan propran sentmanieron de la artisto) germanepoka. El la historio de arkitekturo kiam oni konsideris, ke ĝi estis "volonta rifuĝejo de nia animo... kie rikolteblas la scio, la forto kaj la arto". ("Templo: Konstruaĵo, en kiu samkultanoj praktikas siajn ritojn"). Al tiu epoko apartenis Schinkel, Ruskin, Wagner, Diefenbach, Bruno Schmitz, Isadora Duncan, Peter Behrens, ktp.
KIUJN RILATOJN/INFLUOJN DETERMINAS RECIPROKE ARKITEKTURO KAJ PERSONECO? (Legantoj, bv. manifestiĝi!)

# EL LA REDAKTEJO



Tiu numero 295 de "Brazila Esperantisto" kiun vi tenas en viaj manoj estas la 5-a redaktita de la nuna stabo de BEL. Ĝi estas via organo, la organo oficiala de Brazila Esperanto-Ligo al kiu vi apartenas... aŭ nepre devus aparteni, ĉar nur per unuigo de niaj fortoj, ni sukcesos antaŭenigi niajn celojn t.e. diskonigi, instrui, vivigi Esperanton.

**BE nur en Esperanto**

Lastatempe blovas stranga forta vento kiu ne povas transformiĝi en uraganon! Multaj homoj dezirus, ke BE prezentu tekstojn ankaŭ en portugala lingvo, por "propagandi" Esperanton, ili diras. Ni ripetas, nia organo celas la BEL-membrojn, kiuj devus havi minimuman konon de la lingvo... kaj nia organo ankaŭ estas por legado, do ioma trejnado.
Se iuj, ankaŭ BEL deziras havi diskonigan planon estas tre facile publikigi apartajn vehiklojn, specialajn. La miksado estus tre negativa, cetere ni konstatis, ke la ekzisto de deca revuo en Esperanto, estas bona maniero por propagando.

**BE leĝera kaj bunta**

Ni planis varian, facile legeblan, informan, ankaŭ instruan revuon, kun la partopreno de vi ĉiuj... Esperanto devas en nia gazeto vivi.
Evidente ni ne troigu nian entuziasmon kiel tion faris nia amiko Alcyr Guedes (vidu "El la leterkesto") sed ni ŝatis legi la taksadon de kompetentuloj kiel el la redakcio de "La Gazeto" en nº 64 de 30ª de aprilo 96 (vidu la apartan artikoleton). Ankaŭ "Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj- TAKE" petis permeson por publikigo de la artikolo "Akvopurigado" de nia amiko Willy. Finfine tiuj faktoj pruvas ke ni estas sur la vojo kiun ni planis.

## BE ne beletra

Kvankam viaj poeziaĵoj aŭ iel beletraj tekstoj povas aperi, ni ne celas ekskluzivan literaturon. Por literaturo vi havas ekz. en Brazilo mem "Fonto" de nia amiko Gersi Alfredo Bays, kiu cetere gajnis la internacian premion FAME, sed bedaŭrinde, malmultaj el vi prestiĝe abonas tiun elstaran revuon "Fonto". Pri literaturo ankaŭ estas ĝuste "La Gazeto", "Literatura Foiro", "Riveroj" el Japanio ktp., sekve nia organo ne bezonas esti literatureca.

## Verkemuloj serĉataj

1) Recenzistoj - Por BE. Ofte eldonejoj petas, ke ni recenzu iliajn eldonaĵojn, kaj laŭ statistiko de magazino "Monato" la rubriko recenzo estas la plej legata, do recenzemuloj anonciĝu, ni sendos la verkojn.
2) La redaktoroj de "La Gazeto" petas, por publikigo, artikolojn pri Brazilo en la jenaj temoj: historio, socio, politiko, arto, folkloro, tradicioj, vivmanieroj, literaturo. Kompetentuloj bonvolu sendi siajn kunlaboraĵojn rekte al "La Gazeto" - FR 55210 Creuë, aŭ pere de ni.
3) ...Kaj ne forgesu vian BE pri ĉiuj temoj. Ĉu nia serio pri "Arkitekturo en la mondo" ne stimulas vin?

Viaj Redaktantoj

# BILDO EL LA VIVO

Kroniko de Maria Almada

La roso-gutoj brilis sur la arbfolioj, terodoro ŝvebis en la aero, kiam ŝi emocie ekiris el sia hejmo al la stacidomo. Ŝi urĝe paŝadis apud sia patrino, kiu vane klopodis teni la impeton kun ŝi.

Ŝi la unuan fojon iras for el sia naskiĝloko por veturi al granda urbo por provi sian bonŝancon. Ŝi estas juna, energiplena kaj ambicia Ŝi intencas konkeri la "mondmovigan sinjoron", la monon, kiun ŝi konsideras bazo de la vivo. La grandurbo estas alloga kaj esperodona. Ŝi sentas sin simila al juna aglo, kiu forlasas la neston.

Estis la kvina horo matene, kiam ŝi kun sia patrino atingis la stacidomon. Ŝiaj konatoj kaj parencoj amasiĝis por adiaŭi ŝin. Post kelkaj minutoj la rusta vagonaro, pigre-pene eniris la stacidomon.Ĝiaj bremsoj orelŝire grincis kaj ĝi lace haltis. Ŝi rapide suprengrimpis ĝin kaj tra la malfermita fenestro klopodis saluti ĉiujn. Ŝi ne imagis, ke tiom da homoj aperos pro ŝia forveturo. Ĉiu volis manpremi ŝin, aŭ direktis al ŝi kelkajn vortojn, kun sincera amikeco. Iuj konsilis ŝin rezigni pri la vojaĝo, la aliaj tamen kuraĝigis ŝin. "Atentu diris iu el la grupo, klopodu venki la grandurbon, ĉar kontraŭe ĝi venkos vin"!

Jen, la vivo en la vilaĝo estas tia. Ĉiu konas ĉiujn kaj sentas devon konsili la aliajn. La trajno ekmoviĝis ruktante. Ĝian mucidan,pezan korpon ĝi pene trenis el la stacidomo. La manoj de la grupo leviĝis por adiaŭi ŝin. Ŝiaj okuloj alkroĉiĝis al la okuloj de sia patrino, kiu triste silentis inter la relparoj. La trajno kuris plie kaj la konata pejzaĝo malaperis en la vojkurbo. Ŝi restis tutsola.

Sidante sur dura ligna benko, ĉiaj pensoj flugis al la modesta gepatra domo, kie ŝi ĉiam estas feliĉa, kiun ĉirkaŭas granda korto kun florantaj fruktarboj kaj floroj. Tie ŝi dum vesperoj, en trankvila silento aŭskultadis la kanton de grilo kaj rigardis la vizaĝon de la pala luno. Matene vekis ŝin la kanto de la koko, en certa horo, kiel vekhorloĝo, dume tra la fenestro-vitro per sangaj okuloj embuskis la diboĉa mateniĝo. Neatendite pikis ŝin la saŭdado. Kia stranga sento, pensis ŝi kaj kiel forte ĝi doloras. Subite ŝi ektimis. Ju pli ŝi malproksimiĝis de ŝia hejmo, des pli ŝi fariĝis malkuraĝa.

Kelkaj pasaĝeroj enpaŝis la vagonon kaj sidiĝis sur nekomfortajn benkojn. Neniu konato troviĝis inter ili kaj ŝi sentis sin orfo, kiu perdiĝis en la mondo. Ŝi memoris, ke neniu atendos ŝin en la grandurbo. Neniu etendos amikan manon al ŝi. Al neniu ŝi povas sindirekti, ĉar ŝi ne havas geamikojn en la nekonata loko. Kiu lernas kaj scipovas la Internacian lingvon, ĉie povas trovi iun esperantiston, kiu klopodas helpi laŭ sia eblo. Kiu ellernas Esperanton klopodas ekzercadi la instruon de Zamenhof. Unuiĝu ni gefratoj !

# TRE AKTUALA

## Gazetara komuniko

### 5a Esperanto Kulturpremio de Aalen transdonita al FONTO

La premion de 10.000 germanaj markoj brazila eldonisto Gersi Alfredo Bays (FONTO) uzos por eldono de unuaj volumoj de *Antologio Latina*; tion Bays komunikis en siaj dankvortoj okaze de l' transdono de la 5a Esperanto-Kultur-Premio de Aalen, kiu okazis sen lia ĉeesto en la kutima solena kadro dimanĉon, la 31a de marto 1996, en la urba biblioteko de la sudgermana urbo Aalen. En tiu ĉi institucio hejmas jam de pluraj jaroj la Germana Esperanto-Biblioteko kun intertempe jam ĉ. 15.000 titoloj.
La transdono dum matineo jam havas tradicion, kiel atentigis Frank Stocker, prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, en sia saluto. Malfermis ĝin Ulrich Pfeifle (Ulrich Fajfle), ĉefurbestro de Aalen, per memorigo pri la solenaĵo okaze de transdono de la kvara premio; tiam en la fokuso estis la milito en eksa Jugoslavio, ĉar (krom *Heroldo de Esperanto*) premiito estis kroata verkistino Spomenka Ŝtimec. Por eviti tiajn militojn, necesa interkompreniĝo por forigi antaŭjuĝojn kaj konstrui pontojn de toleremo, kaj al tio kontribuas laŭ lia konvinko esperantistoj. Li konfirmis al la 120 gastoj de la matineo la daŭran subtenon fare de la urbo, al kiu apartenas ankaŭ financa engaĝiĝo de l'regiona ŝparkaso, kaj anoncis por 1997 Esperanto-Kultur-Festivalon en Aalen.
FAME-prezidanto Stefan Maul deklaris, ke per elekto de Bays la fondaĵo, post premiito Itô Kanzi (Ludovikito), por la dua fojo distingas eksterEŭropan kandidaton kaj tiel denove pruvas sian tutmondecon. Maul tamen atentigis, ke premioj estas nur parto de l'helpoj, ĉar multe pli da mono FAME elspezas por subvenciado de projektoj, en la aktuala jara buĝeto ĉ. 15.000 germanajn markojn.
Gerrit Berveling, prezidanto de Esperantista Verkista Asocio, en sia omaĝa parolado vigle kaj amuze priskribis situacion kaj meritojn de Gersi Alfredo Bays. Li elstarigis, ke FONTO ne nur eldonis jam pli ol 60 valorajn librojn, sed per la gazeto atingis rekordon: FONTO jam estas la plej ampleksa literatura revuo del'historio. Berveling konkludis: "En la persono de Gersi Alfredo Bays kaj lia entrepreno FONTO la urbo Aalen honoris tre valoran idealon". Laŭ kontrakto inter FAME kaj la urbo Aalen la fondaĵo disponigis la premiosumon, la urbo - kie la fondaĵo havas sian juran sidejon - financas la solenaĵon. Tiun, cetere, ĉarme ornamis per brazilaj muziko kaj kanto Esperanto-lernantoj de loka gimnazio.

## PREMIO FAME AL GERSI ALFREDO BAYS, FONTO, ATINGAS LETERE LA AMBASADEJON DE BR en NOVJORKO




Teksto de letero de la reprezentanto de UEA/UN, Humphrey Tonkin al la ambasadoro Celso Luiz Nunes Amorim, marto, 96:
"La monata revuo de UEA publikigas novaĵojn kaj artikolojn kiuj rilatas al la internacia movado cele al diskonigo de la Internacia Lingvo Esperanto, kaj ankaŭ la agadojn de Esperanto en pluraj landoj de la mondo. Ni ĝojas transdoni al vi sciigon pri januare elstara okazigo, kies enhavo povas interesi vin, je p.9. Temas pri aljuĝo de la jara FAME-premio al Gersi Alfredo Bays, la "brazila eldonisto kiu tiom multe kontribuis por la literatura diskonigo en Esperanto. La prezidanto de FAME, la Fondaĵo por stimulado de internaciaj komprenilој, estis intervjuita. Nia Asocio ĝojas pri la konsultaj rilatoj ĉe la Ekonomia kaj Socia Konsilio de UN kaj aktive laboras favore al UN-idealo."

# MOVADA HUMURO

## EL "EVENTOJ"

### Vilaĝano kaj lifto

Maljuna vilaĝano, komencanta esperantisto, unuafoje en la vivo vizitas grandan kongres-urbon, kie li vidas lifton. Longe li rigardis ĝin kun miro, Foje li vidas, ke maljunulino eniras la lifton. La pordo fermiĝas, kaj la maljunulino malaperas. Post mallonga tempo la pordo de la lifto malfermiĝas, kaj elvenas ĉarma, juna virino.

La vilaĝano gratas sian hartufon kaj ekkrias: *-Fulmotondre! Se mi estus sciinta pri ĉi tiu mirinda eltrovaĵo, mi nepre estus kunportinta ankaŭ mian edzinon!*

NDLR= Se Brazilano legas tiun anekdoton, li tuj pensos ke la esperantisto estas Portugalo!

# Kuracisto Opinias

## *SINTENOJ PRI EŬTANAZIO*



*Lastatempe famiĝis tra la tuta mondo la usona kuracisto Jack Kevorkian (kaj aliaj, en aliaj landoj), pro sia sinteno favora al permedikamenta helpo al malsanuloj, kiuj deziras memmortigi, kiam ilia stato estas senespera kaj tro suferiga. La tiel nomata "humana morto" vekis sufiĉe da polemiko pro ĝiaj filozofiaj, religiaj, etikaj, psikologiaj kaj sociaj implikoj. Ne eblas alveni al komuna konsento pri tiu temo.*

*La mondkonata usona medicinrevuo "New England journal of Medicine" publikigis en februaro 1996 enketon pri la sinteno de la ĝenerala publiko kaj de kuracistoj pri helpata memmortigo. La rezulto estas kurioza. En la ŝtato Miĉigano (tie, kie hejmas D-ro Kevorkian), 56% el la kuracistoj kaj 66% el la ĝenerala publiko apogis leĝigon de tiaj memmortigoj, dum 37% kaj 26%, respektive, apogis malpermeson. Se oni proponis alternativojn, tiam 40% el la kuracistoj apogis leĝigon, 37% apogis registaran kontrolon kaj 17% apogis malpermeson.*
*Interese, ke nur 22 % el la kuracistoj akceptus mem partopreni eŭtanazian agon, kaj nur 13% helpus memmortigojn.*

*Alia enketo, en la ŝtato Oregonio, kie oni voĉdonis por leĝigo en 1994, 60% el la kuracistoj favoris helpatan memmortigon kaj 46% konsiderus la eblecon partopreni. Tamen duono de ili ne certis pri tio, kiujn drogojn uzi kaj kiuj pacientoj certe mortos post ĝis 6 monatoj (laŭ Oregonia leĝo).*

*Fine! oni povas, lige kun ĉi tiu temo, legi alian atentofrapan sciencan raporton, en la numero de la 4-a de januaro 1996 de la sama revuo. Temas pri la kazo de pacientino, kiu suferis cerban lezon dum aŭtomobilakcidento kaj enkomatiĝis. Dum 15 monatoj ŝi restis en tute vegeta stato kaj ekzamenoj montris jam eĉ atrofion de la cerbo kaj cerebelo. Resaniĝo ŝajnis preskaŭ absolute neebla. Subite, ŝi prezentis movojn de unu gambo kaj unu okulo, kaj post monatoj ŝi jam povis bonhumore paroli, kalkuli kaj skribi: "Panjo, mi amas vin". Kvankam kun gravaj, probable definitivaj nervaj difektoj, ŝi tamen iris hejmen post 5,2 jaroj.*

*Kion pensi pri eŭtanazio?*

*P.S.V.*

---

## VINO KONTRAŬ BAKTERIOJ

Kvankam la efikeco de vino kiel digestohelpilo estas legenda, tamen ĝi ne estis science studita fakto. En decembro 1995 britaj (ne francaj!) esploristoj publikigis interesan observon pri la efiko de vino kontraŭ bakterioj, kiuj ofte atakas la homan korpon.

Ili komparis ruĝan vino, blankan vinon, bismutan salicilaton, 10% alkoholon, "tequila"n, kaj akvon - je la kapablo eviti kreskadon de la bakterioj "Escherichia coli", salmonelo kaj "Shigella", kiuj estas oftaj kaŭzantoj de homaj digestaj infektoj. Ruĝa kaj blanka vinoj rapide malaperigis preskaŭ ĉiujn mikrobojn; bismuto simile agis kontraŭ unu el ili, sed ĉe la aliaj necesis longa tempo por ke okazu la samo; la aliaj likvaĵoj prezentis nenian kontraŭbakterian efikon.

Ĉi tiu kurioza esploro montras, ke alkoholo per si mem ne agas kontraŭ bakterioj en la homa digestaparato - por eventuala seniluziiĝo de drinkemuloj. Vinamantoj eble celebras, des pli, ke aliaj studoj jam montris, ke ĉi tiu fabeleca drinkaĵo helpas ankaŭ kontraŭ troa kolesterolo en la sango. Sed ili nur modere celebru, ĉar tiuj sanigaj efikoj de vino okazas nur, se oni ĝin trinkas je malgrandaj kvantoj - ekscesoj nepre kondukas al gravaj malsanoj.



Paulo S. Viana



# NIA LINGVO

## PRI LA ESPERANTA TRADUKARTO

(Resumo de prelego farita en la 31a. Brazila Kongreso de Esperanto

"NENIAM DIRU:" TIO ESTAS NETRADUKEBLA"; DIRU PREFERE:" TION MI NE KOMPETENTAS TRADUKI"

Tiel grava estas la temo Tradukarto, enkondukita per tiu polemika aserto de William Auld(l), ke mi kuraĝas ĝin pritrakti. Mi plene konscias, ke multaj el vi jam konas la ampleksan esearon en Esperanto pri tiu temo, kaj mi tute ne intencas "al fiŝoj instrui naĝarton". Mi tamen opinias utile, precipe al niaj plej novaj samideanoj, iom revizii la konceptojn pri tradukado, kaj eĉ prezenti konsilojn al estontaj tradukantoj. Plejparte la konsiloj venas de eminentaj verkistoj-tradukistoj, sed eĉ mi mem, iom hezite, enŝovis kelkajn el la mia persona sperto.

Ke tradukado estas grava neniu dubas:

"SE LA TRADUKOJ ESTAS TIEL GRAVAJ POR LA MALVOLVIĜO DE LA NACIAJ LINGVOJ, KIOM PLI GRAVECAJ ILI ESTAS POR ARTEFARITA SENNACIA LINGVO; NUR PER ILI TIU ĈI POVOS ELSUĈI EL LA NACIAJ LA VIVOSUKOJN, KIUJN ĜI BEZONAS POR FARIĜI SIAVICE VIVANTA PAROLO".

La sama Gaston Waringhien(2) DIRAS EN ALIA VERKO(3):

"LA TRADUKOJ DE ALILINGVAJ VERKOJ ALPORTAS TIAN RIĈON DA PENSOJ, DA VORTOJ, DA FRAZTIPOJ, KIA SOLA POVAS ĜIN LEVI AL LA RANGO DE CIVILIZACIA ESPRIMILO".

En la prestiĝo "Kuriero de UNESKO" troviĝas:

"UNU EL LA TASKOJ DE UNESKO ESTAS LA KLOPODO TRAROMPI LA TRADUKAN KURTENON, KIU KAŬZAS LA PRESKAŬAN NEKONATECON PRI LA LITERATURO DE TIEL MULTAJ LANDOJ".

Sed malgraŭ ĝia nekontestebla graveco, oni ne sufiĉe ŝatas la tradukadon:

"EN ANGLALINGVUJO, TAMEN, NE EKZISTAS DUBO, KE LA TRADUKADON ONI KONSIDERAS TEMPOMALŜPARO"

laŭ atesto de William Auld(4), kiu en la sama verko citas jenan opinion de Leonard Foster:

"NI DEVAS FRONTI LA FAKTON, KE NE TRE MULTAJ LABORANTAJ TRADUKISTOJ ESTAS ARTISTOJ; SE ILI ESTUS, ILI KREUS ORIGINALAJN ARTVERKOJN KAJ NE TRADUKUS".

Kaj la sama skota poeto, samverke:

"PLEJ MALOFTE ONI TROVAS, KE VERE DULINGVA POETO ENTREPRENAS LA TRADUKON DE POEZIO".

Ĉu traduki estas facile? Ĉu traduko ĉiam estas ebla? Kiaj problemoj aperas en tradukado? Ni lernu de Waringhien(5):

"EĈ PLI OL LA VORTOJ, DIFERENCAS KAJ LA STRUKTUROJ KAJ LA PSIKOLOGIAJ KONDIĈAROJ KIUJN ILI CELAS ESPRIMI, KAJ LA SOCIAJ FUNKCIOJ KIUJN ILI PLENUMAS... . ANTAŬ TIA DIVERSECO DE PENSMULDILOJ ONI POVUS EĈ UNUAMOMENTE DEMANDI SIN, ĈU ENTUTE TRADUKO ESTAS EBLA".

kaj de Auld(1):

"NENIU TRADUKO, ĈU PROZA, ĈU POEZIA, POVAS ESTI ALIA OL SIMILAĴO: TEMAS NUR PRI LA GRADO DE SIMILECO".

Vi iom perdis la kuraĝon, ne vere? Trankviliĝu, ĉar la sama Waringhien(5) nun konkludas pli milde:

"TRADUKO ESTAS DO ĈIAM EBLA, SED PLEJOFTE JE LA KOSTO DE IA SPIRITA GIMNASTIKO, NECESA POR PASI DE UNU GRAMATIKA SISTEMO AL ALIA"".

Sed bone akrigu vian menson! Jen averto de Auld(1) al tromemfiduloj:

"POR ORIGINALA VERKADO SUFIĈAS LABORO KAJ TALENTO. POR TRADUKADO: LABORO,TALENTO, DULINGVECO, GUSTO, KAPABLO INTERPRETI ALIES VERKOJN, ALTGRADA SEMANTIKA SENTEMO".

Ĉu vere ekzistas verkoj netradukeblaj? Denove William Auld kuraĝigas nin jene:

"KIEL ESPERANTISTO MI ESTAS KONVINKITA, KE NIA LINGVO KAPABLAS ĈION, KAJ TIO INKLUZIVAS LA ŜAJNE NEEBLAN"(1)

En la antaŭparolo al la monumenta "Tutmonda Sonoro"(6), de Kalocsay, jene opinias la islanda poeto Baldur Ragnarsson:

"BONA TRADUKANTO SCIAS REKREI LA NETRADUKEBLAN, ĈU FORMAN, ĈU SENCAN, LAŬ LA KAPABLOJ DE SIA POEZIA LINGVO".

Kaj ĉu eblas traduki tieldire netradukeblajn vortludojn? Jen interesa traduko de la konata itala kalemburo pri tradukistoj:

TRADUTTORE, TRADITORE / TRADUKO, TRUKADO

fare de Gaston Waringhien, citita de Auld(1).

Nu, se traduki estas tiel malfacile, kial homoj iafoje frontas la penegan taskon? Ĉar malfacilaj tradukoj allogas. Jen atesto de la genia Kolomano Kalocsay, en lia antaŭparolo al "La Infero"(7):

"NE EKZISTAS AŬTORO PLI MALFACILE TRADUKEBLA OL DANTE. SED ĜUSTE ĈI TIU MALFACILECO, KIEL LA ĈARMOJ DE NEKONKEREBLA VIRINO, HAVAS TIAN ALTIRAN FORTON, KE GRANDAJ LINGVO-ARTISTOJ OFERIS AL ĜI GRANDAN PARTON DE SIA VIVO KAJ FORTO, PLURAJ EĈ SIAN TUTAN VIVON".

Finfine, kion konsilas la korifeoj de la esperanta tradukarto al ni, dezirantaj iom lerni pri tiu alloga arto-tekniko? Vi rimarkos ke iuj konsiloj certagrade kontraŭdiras aliajn - fakto cetere komprenebla en temoj tro kompleksaj. Kelkaj eble ŝajnos memevidentaj. La konceptojn mi kompilis el aŭtoroj jam cititaj, kaj el la 18-jarcenta anglo Alexander Fraser Tyler:

"KOMPRENU LA TRADUKOTAĴON"

"POVOSCIU AMBAŬ LINGVOJN"

"TRADUKU NE LA VORTOJN SED LA SENCON".

"LA TRADUKO LIVERU KOMPLETAN TRANSSKRIBON DE LA KONCEPTOJ DE LA ORIGINALO

"UZU STILON KAJ MANIERON DE VERKADO SAMSPECAN KIEL TIUJ EN LA ORIGINALO

"LA TRADUKO POSEDU LA FLUANTECON DE LA ORIGINALA VERKADO".

Tiuj estas la plej bazaj konsiloj. Tamen estas aliaj:

"KLOPODU ANKAŬ TRADUKI:

LA KONSTRUON DE LA PROPOZICIOJ

LA RITMON DE LA PAROLO

LA RELIEFON PROPRAN AL LA POZICIO DE IUJ VORTOJ EN LA FRAZO/VERSO. TROVU EN ESPERANTO HARMONOJN EGALVALORAJN AL TIUJ EN LA DEIRA LINGVO".

Se tio ŝajnas al vi tro harfenda, "ripozu" per jenaj pli praktikaj helpiloj:

"LEGU PARTON DE LA ORIGINALO ĜIS PLENA KOMPRENO; SKRIBU ĜIAN TRADUKON SEN RIGARDO AL LA ORIGINALO; DENOVE KONSULTU LA ORIGINALON KAJ FARU EVENTUALAJN ALDONOJN AŬ DEPRENOJN" (Arthur Waley, citita en (6).

Tiu lasta opinio cetere tre similas al konsilo de la hungarbrazila verkisto Paulo Ronai (8) nome:

"FORGESU LA VORTOJN DE LA ORIGINALO, MEMORU ĜIAN ENHAVON KAJ TIUN REDONU EN LA NOVA LINGVO".

Facile diri, ĉu ne? Atentu nun pri la propono de nia talenta amiko Sylla Chaves (11):

"KONU NE NUR LA IDIOMOJN, SED ANKAŬ LA TEMON PRI KIU ONI DISKUTAS, KAJ LA CIVILIZOJN, AL KIUJ ILI APARTENAS".

Vi do vidas, ke sufiĉas fari doktoriĝan kurson pri Historio, kaj poste tralegi la enciklopedion Britannica, ne vere?

"HAVIGU AL VI FIDINDAN ELDONON DE LA ORIGINALO, GRAMATIKON, FILOLOGIAN VORTARON". (3)

Kaj bone memoru alian konsilon de Sylla, samverke:

"LA DULINGVA VORTARO ESTAS LA PLEJ GRANDA MALAMIKO DE LA TRADUKISTO".

Jen treege utila ekzerco:

"TRADUKU PECOJN JAM TRADUKITAJN DE FAMAJ ESPERANTISTOJ KAJ KOMPARU VIAN LABORON KUN ILIA VERKO". (3)

Per jena admono la aŭtoro (9) parolas serioze, malgraŭ la ŝajno:

"FINITE TRADUKON, KAŜU ĜIN POR KELKAJ MONATOJ, KAJ POSTE ĜIN RELEGU, NE PLU HAVANTE LA ORIGINALON ANTAŬ LA OKULOJ".

Kaj oni ne povas tro insisti:

"GARDU VIN KONTRAŬ FALSAJ AMIKOJ"

"CELADU AL INTERNACIECO, LIBERIĜU DE LA NACIA LINGVO" (8)

Nun, kiam ni aŭdis la parolon de eminentaj aŭtoroj pri la Tradukarto, la prelego povus senprokraste finiĝi, ĉar vi jam havas sufiĉe da materialo por pripensado. Mi finos per kelkaj pli konkretaj kaj praktikaj rimarkoj el mia persona sperto:

- Post eltrovo de la baza traduko, provu ĝin plibonigi jene:
- Ŝanĝu la ordon de la frazpartoj por plia belsoneco;
- Uzu sinonimojn, samsencajn esprimojn, por eviti monotonecon;
- Uzu jen la aktivan, jen la pasivan formon de la verbo;
- Evitu superfluajn afiksojn, se klareco permesas;
- Alterne uzu jen participon, jen simplan verbon;
- Serĉu pli koncizajn fluajn esprimojn;
- Evitu "estas", "estas ke ", per verbigo de adjektivoj;
- Alterne uzu adverban / neadverban konstruon;
- Uzu la koncizecon de infinitivo;
- Uzu adjektivajn esprimojn;
- Ne forgesu, ke ekzistas interjekcioj kiuj, neuzate, rustiĝus;
- Kiam la originalo ĝin postulas, estu preciza, specifa, nuancigu kaj emfazu;
- Uzu kunmetaĵojn paralele kun analizaj formoj;
- Zorge atentu la ĝustan signifon de la tradukotaj vortoj/esprimoj. Tiucele konsultu nacilingvan kaj esperanto-esperantan vortarojn-. Ŝpareme kaj singarde uzu dulingvan vortaron, danĝeran, en nespertaj manoj;
- Ne cedu al la tento uzi tro simpligitan tradukon, kiu nur pli-malpli redonus la penson de la aŭtoro;
- Tamen, ne forgesu ke "flueco pli bone impresas ol pedanta precizeco";
- Tro longajn periodojn dividu en pli etajn, pro klareco;
- Kuraĝe uzu metaforojn;
- Faru al vi liston da pretaj esprimoj kaj parolturnoj, precipe por traduko de nacilingvaj idiotismoj.

Kaj por vere fini, mi prunteprenas la diron de du princoj de la esperanta poezio, en ilia PARNASA GIVDILIBRO (10)

Por sukcesa tradukado,

"NI DONAS ĈION, KROM GENIO".

Floriano Pessoa

CITITAJ VERKOJ:


1) AULD, W. - "La plej malfacila arto".
2) Waringhien G. - "La tradukarto" - Eseoj I.
3) Waringhien, G. - "Kaj la ceter'... nur literaturo".
4) Auld, W. - "Pri la tradukado de poezio
5) Waringhien, G. - "Lingvo kaj vivo".
6) Kalocsay, K. - "Tutmonda Sonoro".
7) Kalocsay, K. - "Infero"- antaŭparolo.
8) Rónai, P. - "A tradução vivida".
9) Faulhaber - "Iom pri tradukado".
10) Kalocsay, Waringhien, G., Bernard, R. - "Parnasa Gvidlibro".
11) Chaves, S. - "Por pli bona mondo".





Prof. Floriano Pessoa parolas pri etimologio de Esperanto dum la 10ª R.E.Ŝ.R.Ĵ. en Cabo Frio

# NEKROLOGO

Forpasis la 3-an/5/96 Prof.ro WALTER A.FRANCINI, en urbo San-Paŭlo, eminenta esperantisto kaj verkisto kiu aktive partoprenis E-agadon ĉu instruante, prelegante, ĉu apoge al la movado en estrarpostenoj de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, renkontiĝoj kaj kongresoj. Multfoje li publikigis artikolojn pri Esperanto en ĵurnaloj kaj verkis jenajn librojn: D-ro Esperanto, Esperanto sen Antaŭjuĝoj, Kurso de Esperanto, Paroliga Kurso, Paroloj al miaj Gefiloj, Sur Flugiloj de Trobo kaj de Esperanto.

# NOVA ESTRARO

Gratulon al la nova Estraro de Paranaa Esperanto-Asocio, Curitiba, PR por 1996-1998 elektita dum Ĝenerala Asembleo de la Paranaa Esperanto-Renkontiĝo, la 1-an de majo, 96:
Prezidanto: Caiubi Muniz
Vic-Prezidanto: Maria Luzineide de Souza Santos
Sekretario: Rodrigo Follador Prado
Kasisto: Volmi Zanardini
Fiskaj konsilantoj: Geraldo Mattos, Gert Drucker, Hermanito Christensen.

# EL LA LETERKESTO

Alcyr Guedes de Almeida (Taubaté,SP)
"Legante la n-on 294 de Marto, 96 de la revuo "Brazila Esperantisto" mi forte surpriziĝis, frotis la okulojn, pinĉis min mem por certiĝi ke mi ne sonĝas... kaj plezure konstatis, ke tio ne okazas, do la revuo ege pliboniĝis" - "Sen ombro de dubo, vi tostis vian legantaron, pere de bonega kaj majuskla revuo, gratulojn al vi".



# VIRINO KAJ KORUPTADO

Ni estas ĉampionoj pri karnavalo, futbalo kaj ankaŭ koruptado. En ĉiuj landoj ekzistas koruptado, sed en Brazilo pli ofte ĝi okazas en la tuta lando.

Kial okazas ĝio? Ni supozas, ke korupto ligiĝas al la etno, al la komunuma nocio.

Kiam estas pli homogena la loĝantaro, kiel en Japanio, Ĉinio aŭ eĉ Eŭropaj landoj, ĉio funkcias en ĝi, kiel se ĝi estus fratulаro. Tiu sento ne ekzistas en heterogena popolo kiel la brazila, kie oni ne scias kiu estas kiu, kie kelkfoje nigran aspekton oni havas, sed oni estas registrita kiel blanka, nur ĉar estas tia la koloro de la haŭto, kaj alifoje nigra oni estas registrita, kiam la haŭto estas nigra, eĉ se blanka estas la tuta aspekto.

Se ekzistas koruptado kie estas frateca sento, kompreneble ĝi devas esti pli granda, ol kie ne estas tiu sento. Tial ni estas ankaŭ ĉampionoj pri koruptado.

La lernejo de "Agulhas Negras" decidis ricevi virinojn por fariĝi oficiro de Armeo. Ĉiuj ili meritas niajn gratulojn pro la eniro en tiu labora merkato.

La virinoj estas pli puraj, pli sinceraj, pli sindonemaj, pli honestaj kaj pli solidaraj ol la viroj. Inter viroj estas granda nombro de trompuloj. Fraŭdo kaj koruptado estas tre ligitaj al trompado. Mi ne diras, ke ne ekzistas korupta virino, aŭ ke neniu virino povas fari fraŭdon por riĉiĝi nepermesite. Tio povas okazi, sed tio estas escepto. Plimulto el la virinoj kalkulas ĝis tri, antaŭ ol fari misuzon de publika mono. Se virinoj estus plimulto en ĉiuj leĝfaraj asembleoj kaj ĉiuj plenumorganoj de nia lando, estus eble alia la situacio de Brazilo, kaj en la tria mondo ni ne estus.

Estas pro tio, ke mi opinias, ke la virinoj de Brazilo devus dediĉi sin pli al politiko, kandidatante sin al ĉiuj elekteblaj postenoj, por ke estu plimulto en ĉiuj leĝfaraj asembleoj de la tuta lando, inkluzive de Nacia Kongreso.

La heterogeneco ekzistas ankaŭ inter brazilaj virinoj, sed kune kun ĝi estas sento de solidareco kaj patrineco, kiuj ilin kondukas pli bone zorgi pri la publika afero, ne permesante ke aperu malversacio el ĉio, kio apartenas al la tuta komunumo.

La leĝfaraj obligacioj ne malhelpas, ke virino plenumu sian patrinecan devon.

La neceseco konsulti la partiojn, montrita de politikuloj, estas simila al fraŭdo. La politikulo estas elektita por zorgi interesojn de ĉiuj ŝtatanoj. La reelekto devus dependi ekskluzive de ties konstruaj plenumadoj

José Róiz




## 18-a ESPERANTO-RENKONTIĜO DE ŜTATO SAN-PAŬLO

Promissão, 5-7/4/96

Organizis: Promissão E-Asocio
Aŭspiciis: E-Asocio de San-Paŭlo

Ĉe la komforta EEE-2º Grau Figueiredo Navas, Rua Gentil Moreira, 967 la renkontiĝaj partoprenantoj de la evento ĝuis agrablan akceptadon. La solenan inaŭguron ĉeestis pluraj reprezentantoj de la urbodomo kiuj salutis favore al Esperanto. EASP omaĝis Sr.on Lair Alves Moreira, veterana esperantisto, prezidanto de PEA per donaco de arĝenta plako gravurita je dankesprimoj pro dediĉo kaj agado movada. La programo entenis diversajn kunsidojn kaj prelegojn, el kiuj la ĉeftema debato "La Defioj de la Movado", (G. Ledon, prezidanto de EASP) sekvata de prelego "Socia Rolo de Esperanto" altiris la atenton kaj partoprenon de la ĉeestantoj, "Forumo pri Esperanto" kaj "Pri Veteranoj" prezente de S. S. Ledon, prezidantino de BEL, Rapida Kurso de Esperanto gvide de Rogério Ferreira, "Nocioj pri E-Instruado" (F. R. Valle) kaj "Ludoj por Komencantoj", konsistigis la kromajn erojn renkontiĝajn.Agrablan promenadon ĝuis la esperantistoj per originala kaj nekutima maniero, en porinfana trajneto senrela kondukita ŝofore de la tuturbe konata S-ro Lair, ĝis la klubo de Banco do Brasil por vizitado kaj poste al la loka E-Asocio kie estis adiaŭaj salutoj kaj entuziasmaj aplaŭdoj.



La plej fama ĉemizovendisto de Esperantujo, Amarílio H. de Carvalho(Maldekstre) en plena aktiveco dum la 18-a ERŜSP, Promissão, aprilo/96.



## 10-a RENKONTIĜO DE ESPERANTO DE ŜTATO RIO DE ĴANEJRO

Cabo Frio, 17-19/5/96.

En la solena inaŭguro ĉeestis sepdeko da personoj en la aŭditorio de Colégio Estadual Miguel Couto kiam estis omaĝita la veterana esperantisto S-ro Délio Pereira de Souza, per transdono de arĝenta plako kun dankesprimoj. La ĉeftemo "Turismo en Esperanto" vekis interesiĝon diskutan post paroladoj temantaj pri "Pasporta Servo kaj Turismo", Ilmar G. Ferreira, "Skismo kiel pozitiva fenomeno", Symilde S. Ledon, "Turismo ne nur vojaĝado por plezuro", G. R. Ledon, "Regiona agado de UEA", L. A. de O. Coelho.
"Ekrigardo al la Esperanto-Etimologio", prelego de Floriano Pessoa, Kunsido de Instruistoj, gvide de Saulo S. Wanderley, Rapida Kurso de Esperanto, Jair Salles, kaj Konversacia Rondo, Aloisio Sartorato, Aŭkcio kaj vespere Arta Horo, riĉenhava per prezento de teatraĵo pri Garcia Lorca kaj Bangu-Koruso.




## 1-a ESPEREKO

Renkontiĝo de Esperanto, Sporto kaj Ekologio

27-28/4/96
Organizado: Kultura Esperanto-Centro
Loko kaj Apogo: Ekologia Parko de Goiânia,GO

Ĉirkaŭ 100 personoj partoprenis la renkontiĝon kiu esence celis ekologian kuneston per vizitoj, promenadoj kaj klerigaj paroladoj. Estis invititaj kaj reprezentataj Brazilja Esperanto-Asocio, Bona Espero, Alto Paraiso de Goias, Fondaĵo Eko-Kultura de Centrookcidento, Barra do Garças, MT krom lokaj esperantistoj kaj invititoj.

numero 64 4-a de la 11a jaro 30apr96
Senkultura homo estas sklava besto (Cicero')
ISSN 0299-6987
LA GAZETO

**Brazila Esperantisto,** jun95, sep95, dec95.

En februaro mi povis enmanigi la 3 unuajn numerojn de renaskita revuo. Jam ekzistis samtitola revuo, ĝis komenco de 1989. Agrabla surprizo, kvankam evento tute laŭa al la vigleco de la brazila E-komunumo, la kvanta kresko de ĝiaj anoj, la arda strebo de Fonto por liveri valorajn librojn kaj mondfaman revuon.

Moderna aspekto, bela prezento, trafaj ilustraĵoj, simplaj kaj varmaj vortoj de la redektantoj invitas al tuja legado. Enestas artikoloj pri la plej diversaj temoj, pri scienco, tekniko, medicino, muziko, humuro, spirita vivo, edukado, socio, ekologio... eĉ pri botanika ĝardeno por blinduloj en Rio de Ĵanejro! La artikoloj multas kaj mallongas, mirigas nin ke tiom abunda materialo sukcesas eniri 24-paĝan revuon. Ankaŭ svarmas informoj pri la esperanta vivo, monda aŭ landa, regiona aŭ loka, allogaj programoj kaj koncizaj raportoj pri agadoj, iniciatoj, renkontiĝoj, artikoloj prilingvaj, aŭ pri la idealo. Aparte interesaj estas faktoj el historio de Esperanto en Brazilo, ekzemple la minacata situacio de la Bona Espero, aŭ kial la unua E-verkisto nomiĝis La Forgesito, aŭ kiel lanĉiĝas libro pri Esperanto en la portugala, aŭ Lorenz kaj la pionira epoko. ktp.

Laŭdinda estas la graveco de libroj por niaj brazilaj kolegoj: "niaj plej fidelaj amikoj" por legama Maria Almada. Sen ili, "Esperanto ne estus atinginta la konkerojn en iom pli ol cent jaroj de ekzistado". BEL kreis la plej grandan lilbroservon post UEA. Okazas aŭkcioj de libroj en la lando. La revuo preskaŭ kulpigas esperantiston kiu legas "ĉiumonate minimume 1 Esperanto-libron". Rabatoj, specialaj ofertoj, ebleco klientumi "konsorcie" allogas la leganton.

Juneco, gajeco, optimismo, dinamismo, jen la etoso de ĉi tiu revuo por ĉiuj. Dankon al Symilde kaj Gilbert Ledon, la redakta paro kiu kuraĝe kaj homame realigas ion nepran en nia mondo: prifierindan revuon.

## BEL AGAS PLI EN SANGONSALO

**La E-laboro en Sangonsalo ("São Gonsalo", ŝtato Rio-de-Ĵanejro) akceliĝas.**

La akceliĝo de nia movado en tiu urbo rezultas el pluraj faktoroj. Inter la precipaj el tiuj faktoroj estas la maturiĝo de la fruktoj devenataj el la plurjardeka laboro de s-ano José Pedro Milagres. Alia el tiuj faktoroj estas la longdaŭra esperantistiĝado de sangonsalanoj fare precipe de Niterói Esperanto-Klubo. La lastaperinta faktoro estas la Reprezentreto de BEL.

Kelkaj gesamideanoj loĝantaj en Sangonsalo provas organizi la sangonsalan BEL-anaron pere de BEL-LOKGRUPOJ. Laŭ la laborplano, BEL-lokgrupo povas esti BEL-LABORGRUPO aŭ BEL-STUDGRUPO. En la koncerna laborplano oni konsideras, ke en Sangonsalo, kiel en pluraj brazilaj urboj, ne estas loka E-organizo; oni konsideras ankaŭ, ke BEL-REPREZENTRETO povas kunordigi tiun laborplanon, ĉar per ĝi la reto povas pliplektiĝi.

Tiun laborplanon inspiras la "kvinpintaj steloj de Esperanto" (de s-ano Sírio Silva), la laborsistemo de MNM (multinivela merkatumado; reta "marketing"), la anara organizado de kooperativoj, la spertoj pri E-studgrupoj disvolvitaj de Niterói Esperanto-Klubo kaj la universala molekula strukturo, kiu subtenas la ekzistadon de ĉiuj vivantaj estaĵoj.

Espereble baldaŭ multobliĝos la nombro de BEL-geanoj en Sangonsalo, ĉar, pere de BEL-LOKGRUPOJ, "BEL agas pli en Sangonsalo", tiamaniere donante "akcelon al la akceliĝo".

Alcebiades Geraldo Lopes

# KONGRESO DE LA BIOSFERAJ RAJTOJ



Kantado en Esperanto de la Himno de la Paco (Kongreso de la Biosferaj Rajtoj)

Okazis en Brasília, marto 96 rilate biosferon, pacon kaj enkondukon de nova kalendaro (13 lunoj de regule 28 tagoj), kiun partoprenis E-informado kaj diskonigo per flugfolio vaste distribuata kun favora rezulto pro lingva diverseco-problemo.

### ALTO PARAÍSO-KORUSO

Dum la Kongreso de Bisoferaj Rajtoj la koruso de Alto Paraíso kune kun 20 bonesperanoj prezentis en Esperanto la Himnon de la Paco de la fama ĉiliano Joakim Bello en Esperanto. Li persone ĉeestis, kaj interesiĝis multe pri Nia Lingvo. La lernantoj de Bona Espero prezentis dancon de la naturo, kun kolorplenaj kostumoj.

## Ĉu BEJO havas futuron aŭ ne...?

Eble kiam tiu ĉi revuo alvenos ĉe vi, kara leganto, kelkcento da esperantistoj estos en Ribeirão Preto - SP, partoprenante la ĉi-jaran Brazilan Kongreson de Esperanto, inter tiuj ĉeestantoj sen ia dubo ankaŭ estos multaj junuloj, kiuj tie diskutos pri la BEJO-kongresa temo, nome: La agado de la junularo por la jaro 2000.

Ĉu BEJO postvivos la jaron 2000? Mi, sen timo erari, kredas ke jes, ĉar kiel oni diras: "La homoj (for)pasas, sed iliaj kreaĵoj restas".

Sed tamen por ke tiu diraĵo vere fruktodonu, estas necese, ke la junuloj eliru el sia nuntempa "inerteco kaj letargia konformismo", tiuj malbonaj vivstatoj ne kongruas al junulara movado en kaj ekster esperantio.

Ŝajnas, ke la junuloj perdis la kapablon memstare agi, pensi, diskuti ktp... Kial mi tion diras? Ĉar, kiel BEJO-prezidanto, en tiu du pasintaj jaroj gvidante BEJO-n, nur malmultaj junuloj reagis al niaj konstantaj alvokoj por kunlaborado. Rezulte de tio estas, ke BEJO balotos por nova estraro, kaj ĝis nun ne aperis kandidatoj, krom la samaj BEJO-estraranoj.

Kvankam ni anoncis en niaj paĝoj en BE-isto, neniu junulara grupo kandidatiĝis. Kion fari? Verŝajne, denove, la nova estraro restos en Rio de Ĵanejro, subgvide de Marcio Santos, ĝia aktuala 1 sekretario.

Mi, nome de la estraro, petas al ĉiuj BEJO-anoj pardonon pro la eraroj niaflanke en tiuj du jara mandato. Tamen, kompreneble, ke BEJO "lamas", sed kompare al tiu "BEJO" de antaŭ tri jaroj, ni povas fieri kaj orgojle festi, ĉar tiuj kiuj BEJO-n konis de antaŭ tri jaroj scias kiomon ĝi kreskis. Pro tio kaj alioj ni povas, sen timo, *"jese"* respondi al la supra demando. Ni festu, kaj ĝuste tion faru ni en Ribeirão Preto - SP. Do, ĝis tiam, tie!

Ilmar Gomes Ferreira
Prezidanto de BEJO




La ĉinaj poetoj ĉiam sciis esplori la sugestforton de la kaligrafia arto. Wang Wei (701-761) sukcesas pere de kvin signoj, kiuj montras ekflorantan hibiskon, transdoni la ideon kiamaniere estus senti, kiel arbo, ekfloradan sperton. Tiel François Cheng interpretas, pere de sia libro "L'Ecriture Poetique Chinoise" la kaligrafiaĵojn de Wang Wei: "Oni povas ilin traduki jene: 'ĉe la pintoj de la branĉoj, ekfloradas hibiskoj". Eĉ leganto, kiu ne scipovas la ĉinan lingvon, kapablas percepti la similecon inter la vid-aspekto kaj vort-signifo. Legante la kaligrafiaĵojn dekstre al maldekstre, oni havas impreson vidi ekflorantan vegetalon. Unua signo: nuda arbo. Dua signo: io aperas sur la branĉ-pintoj. Tria signo: ekaperas burĝono. Kvara signo: la burĝono malfermiĝas. Kvina signo: jen floro! Sed la leganto, kiu scipovas la ĉinan lingvon, vidas multe pli: ene de la ideografaĵoj sin kaŝas la ideo de homo spirite enirante planten kaj kunpartoprenante la metamorfozon.

(el "O Correio da Unesco", n-ro 2, februaro 1983)

---

## EL LA MALHELA ĈAMBRO

Mi estis malpli ol 18-jaraĝa kiam en mia vilaĝeto la kinejo prezentis "Hair"-n. Mi iris al ĝia administranto por sukcesi enir-permeson, sed li diris ke mi povus vidi la filmon nur se mia patro akompanus min. Tiam mi revenis hejmen kaj ĉion parolis al mia patro. En la koncerna nokto li akompanis min. Oni malŝaltis la lampojn, li deziris al mi bonan filmon kaj foriris el la salono. Ĉar li estis tre simpla, malklera homo, li antaŭsciis ke eble li tre malmulton komprenus, do, li lasis min sola. Estis granda pruvo pri lia komprenemo kaj inteligenteco.

Oni klopodis, sed ankoraŭ ne estis ĉi-foje: "O Quatrilho" (Brazilo-1995) ne gajnis la Oskaron por la plej bona eksterlanda filmo en Usono. Ĝi sekvis stilon ŝatatan de la Usona Filmakademio: folktora sed ne ekzotika, kapitalisma vidpunkto kaj batalo de la homo por atingi sian idealon. Nia unua konkuranto estis "O Pagador de Promessas" (La Promes-pagisto, 1963), kiu ankaŭ ne gajnis la premion. Nun, post fastaj 33-jaroj, post la klopodo de prezidanto Collor mortigi brazilian film-faradon, post herkulea laboro de la familio Barreto (produktistoj kaj film-reĝisoro) ni, uuff!.. perdis. Sed ne gravas. La indiko taŭgis por antaŭenpuŝi nian industrion (se ĝi ekzistas), malfermi pordojn kaj redoni al ni la fidon je ni mem.

Brazila filmo "Bahia de ĉiuj samboj" (Bahia de todos os sambas") partoprenos en la malfermo de la Internacia Filmfestivalo de Venecio, dum aŭgusto. Ĝi montros spektaklon de brazilaj kantistoj Caetano Veloso, Gal Costa, Gilberto Gil, Doryval Caymmi kaj aliaj, okazita ĉe Romo en 1983. Pro juraj kvereloj nur nun la reĝisoro Paulo César Sarraceni povis ĝin fini; la alia reĝisoro, Leon Hirzman, mortis pro Aidoso en 1987.



Ronaldo

## MOVADO !

# "ASEM...BEJE"

En la granda salono la tablo estis malordigita; fojfoje oni devis persekuti fuĝantan paperon pro la brizo, kiu milde envenis trafenestre. Kelkaj BEJO-altranguloj jam poziciitaj nur atendis la alvenon de malfruiĝintoj. La ĉeestantaro konsistis ankaŭ el lasthoraj krokodiloj, eternaj komencantoj kaj oscedemaj maljunuloj.

Kiam Ciro finfine sukcesis supreniri la tripartan ŝtuparon, Néia malpezigite spiris, dum Tuka admonis la fraŭlon super siaj okulvitroj. Oni kalkuladis la partoprenantojn, kiam aŭdeblis la sonoj de virinaj kalkanumoj sur la ŝtupoj. Leda, portante sian paperujon, iris al la fono de la Ĉambro kaj sidiĝis.

- Ni profitos nian ĉeeston en kongreso por decidi pri kelkaj estontaj planoj, la gvidlinioj de BEJO por la proksimaj jaroj.
- al ĉiuj diris Néia.

Iu eksmoda socialisto sugestis, ke oni adoptu kvinjaran planon, sed alia riproĉeme kaj moke informis pri la detruado de la Berlina murego. Post silento, Ciro ekparolis pri siaj soci-politik-eduk-mistikaj projektoj, kiuj ja entaŭenpuŝos eksterordinare esperanton en la centron de Brazilo. Kiam li jam estis parolanta dum pli ol unu horo, iu flustris:
- Estus pli bone, se oni pridiskutus la hodiaŭan balon...



Feliĉe li estis preskaŭ je la fino: Post aliaj kvardek minutoj li estis multe aplaŭdita. Profitante la ekvekiĝon de Zé Luiz, Nejma petis de li klarigojn pri la financa situacio de BEJO. Leda helpis la amikon per kelkaj dokumentoj el sia paperujo. Zé Luiz kompletigis la rezonadon per bombarda konkludo:

- Laŭ ĉi-tiu grafiko, baldaŭ ni bankrotos!

Mi aŭdis la samon antaŭ du jaroj, pensis Ronaldo, kiu senpretende fingre buklumis sian mezdorsan hararon. Li rigardis apude. Du gejunuloj foriris; alia proksima ĉarmulino ilin sekvis...



Entuziasme laŭdata de la triopo Tuka, Leda kaj Nejma, Néia defendis la vidpunkton, ke nur pli aktiva virina e-laborado savos la movadon. Ciro akordis, sed kondiĉe ke oni forgesu la medi-protektadon. Sportemula bahiano sugestis esperantan biciklan karavanon ĝis Brazilio, cele montri al la Nacia Kongreso nian forton kaj de ĝi peti subvencion. Zé Luiz levis la okulojn al la tegmento, dum parto de la asembleo aplaŭdis fuŝe.

Tuka, por ekvilibri la situacion kaj revenigi kelkajn al la Tero, indikis la propran bicikliston kiel kunordiganton de la maratono. Ke li arigu la personojn, provizu ilin per bicikloj kaj prizorgu ĉiujn kondiĉojn por ke la vojaĝo estu senakcidenta. Silento, ĉiuj mutiĝis...

- Ni devas krei strukturon por la apero de novaj junaj esperantistoj, kiuj gvidos BEJO-n kaj la movadon estontece.

La plimulto el la rigardoj sin direktis al Ronaldo kaj Amilton, kiuj tuj false ŝajnis ne kompreni. Intime ili deziris la samon kaj revis pri epoko kiam ekzistos sufiĉaj laboremuloj por e-o.

Ĉar Ciro rimarkis, ke la nokto alvenis, li ion kaŝite ĵetis en la Néiajn orelojn. Ŝi iris al la fenestro, miris pro la stelplena ĉielo kaj, konsultante la brakhorloĝon ŝia vizaĝo ŝanĝiĝis!

- Se iu deziras ion diri...

Ŝi ne finigis sian frazon kiam sudlandano staris. Du aŭ tri ankoraŭ ne dormantaj gapis, alia pardonpetis kaj iris al necesejo, certe por ne plu reveni:

- Mi proponas ke oni starigu tute sendependan organizaĵon! -li kriis kaj varme aldonis: Nur for el tiu putra plenkreskula movado ni progresos, kontraŭe ni falos...

- Balo?... - iu ekvekiĝante ripetis. Dio! Mankas dudek minutoj por ĝia komenco kaj mi ankoraŭ ne baniĝis! - tiel dirante, li ĉiujn salutis, rapide forlasante la kunvenejon.

Néia, konstatante la troan malmulton de la restantaj gravaj batalantoj, interne dankis la kongres-organizanton pro lia saĝa decido tiunokte programi balon.

- Mi renkontos vin post dekkvin minutoj ĉe la danceja enirpordo.

La aliaj sin rigardis reciproke kaj ekkuris al la banej-vico...

Ano Anime

## PROFESIOJ POR LA ESTONTO (Parto I)

Ekde la Industria Revolucio la mondo ne tiel rapide ŝanĝiĝas. La Revolucio okazis en Anglujo, je la fino de la 18.a jarcento kaj komenco de la 19.a. Ĝi modifis la mondon. Novaj urboj aperis. La homo, amase veninta el la kampo ne posedante laborilojn, vendadis sian nuran posedaĵon: sian produkt-forton, aŭ labor-forton. Novaj soci-klasoj formiĝis: la burĝoj kaj la proletaro.

Ĉar ĉiutage oni inventis novajn maŝinojn, ankaŭ oni bezonis laboristojn kapablajn por ilin funkciigi. Tiel, novaj profesioj aperis.

Kelkaj aŭtoroj konsideras, ke la Industria Revolucio okazis trifoje (la aliaj du estis en 1914 kaj 1945). Mi riskas diri ke, post 1945, oni travivas ĉiutagan revolucion, tiom rapida estas kreado de novaj maŝinoj. Evidente ankaŭ nun oni bezonas laboristojn kapablajn funkciigi ĉiam novajn maŝinojn, konstante perfektigitaj.

Modernegaj komunik-sistemoj faras de nia mondo simplan vilaĝon, kiel antaŭvidis la usona filozofo. La mondo iĝas pli kaj pli malgranda kaj la modaj vortoj estas: rapidec', elektronika vojaĝanto, "plug'", internet kaj aliaj multaj. Per simpla buton-premado eblas kontakti personon el alia flanko de la mondo kaj, baldaŭ, la najbaran bakiston. Eblos resti tagoj, semajnoj sen elliri el sia domo kaj ricevi ĉiuspecajn servojn tra la ekraneto.

Sed, kvankam la maŝinoj malgrandigas la distancojn, ni daŭre restos solaj. Nenio anstataŭos amikan rigardon dum kormalŝarĝaj horoj, bierumadon ĉe drinkejo, la dorsfrapeton. Seksumi?! Tra internet estas la plej malalloga afero!

Oni estos devigataj krei novajn profesiojn, ĉifoje por prizorgi la homon; aŭ eble revivigi kelkajn iom eksmodajn hodiaŭ, ekzemple la art-terapistojn. Okazos mora revolucio direkte al homo, ĉar nun oni valorigos la homon, kiu parolas al la homo, kiu instigas sian renkontiĝon, kiu mildigas siajn ĉagrenojn, kaŭzitaj plurfoje de la maŝin-izoliteco. Tion, nek la hipioj el la 70aj. jaroj sukcesis fari, bedaŭrinde...

Ronaldo de Oliveira

---

## RAPID-LEGADO

Inter la manieroj pliriĉigi nian kulturon, sendube la legado havas ĉefan rolon. Per ĝi ni ampleksigas nian vortprovizon, akiras sperton, plibonigas nian vivkapablon, vekas nian inteligenton, vivigas nian imagpovon, pliklarigas ideojn ktp.

Krome, la rapidlegado estas unu el la plej popularaj aktivadoj inter la esperantistoj. Pro tio interesos scii ion pri ĝi kaj pri la ebleco ĝin perfektigi.

Por pli bona legkapablo du faktoroj nepre necesas. La unua estas streĉa atento. La dua, rapideco.

Por pli da atento, teknikaj verkoj rekomendas ne legi sub nesufiĉa aŭ troa lumo, nek legi kuŝante aŭ ene de aŭtoj, nek aŭdante muzikon. Atenton ni sukcesos per kiel eble plej aparta, trankvila kaj konstanta loko. Tiel nia psiko aŭtomate trankviliĝos kaj streĉos sian atenton ĉiam, kiam ni sidiĝos en tiu loko. Malatento lantigas la legadon, sekve la komprenon - tion malmultaj scias. Lanta legado kaŭzas pli da atento pri vortoj kaj fraz-strukturoj, ol pri la ideo pri legataĵo mem.

Rilate al rapideco, estas oportune mencii, ke oni ne legas ĉiaspecajn tekstojn laŭ sama grado de rapideco. Same kiel oni stiras rapide aŭ lante por iri al laborejo aŭ dum sunsubirluma marborda promeno, necesas ankaŭ legi malsimile matenan gazeton disde poezia verko.

Terura malutila kutimo estas legi laŭtvoĉe, malgraŭ strebo, ni ne sukcesos paroli pli ol 300 vortojn pominute. Laŭtvoĉa legado ankoraŭ daŭras kaŝe en la formo de lipomovoj, sen aŭdigo de sonoj. Tiu kutimo limigas tiom, kiom laŭta elparolo.

Ĉesiginte tiun malbonan kutimon, alia ŝtupo atingenda estas la malaperigo de la nomata "mensa elparolo", kiu konsistas en ripetado de la silaboj de la vorto en nia cerbo, sen movo de la lipoj. Malgraŭ la malfacileco, estingi la mensan elparolon ege akcelos nian legritmon. Jen la metodo ĝin pereigi: klopodu legi kaj samtempe pesi ĉu vi konsentas aŭ ne kun la aŭtoro. Pensu la vortojn "ĝuste" aŭ "malĝuste" dum la legado.

Alia afero malmulte konata temas pri la okulmovoj. La legado ne efektiviĝas la tutan tempon de surpapera okulglitado. Vere, niaj okulgloboj faras kelkajn saltetojn sur ĉiu linio, kaj ni legas nur dum la paŭzoj inter ĉiu salto. Dum la movoj de la okuloj ni efektive legas nenion, ni preskaŭ blindiĝas tiam.

Tio estas facile pruvebla, se vi staros malantaŭ paĝo de revuo kaj rigardos okulon de la leganto tra trueto farita en la centro de la paĝo. Kalkulu la movojn kaj paŭzojn de lia okulglobo. Malbona leganto movas kaj haltigas la rigardon ĉirkaŭ 6 aŭ 7 fojojn po linio de ordinara libro. Bona leganto bezonas nur tri paŭzojn. Ĉiuj ekzercoj teknikaj por plialtigo de legrapideco konsistas ĉefe en malpliigo de tiuj haltoj po linio.

Ĝenerala konsilo por perfektigo estas fiksi ĉiam la rigardon nur la supron de la vortoj. La supraj strekoj de ĉiu vorto sufiĉas por la kompreno de la legado kaj facile rapidigas ĝin. Provu tuj! Ni povas legi ion ajn fiksante la rigardon supren en la frazoj.

Tiuj teknikoj estas facile praktikeblaj, ĉar legi estas ago ĉiutaga kaj ĝia efiko estas altgrade utila. Amuziĝu, kleriĝu kaj spertiĝu pere de bona rapida legado!

Cícero Gabriel Soares

